# *Francisko Valdmiro Lorenz*




Monografia bem documentada sobre uma das principais figuras do movimento esperantista brasileiro no século passado

**Editora:** *Kava-Pech*

**Ano de edição:** *2017*

**Formato:** *14 x 20 cm*

**Páginas:** *160*

**Preço:** *R$ 44,00*

easp.org.br/butiko

KOVRILO

*Ridetanta knabo portanta librojn.*

*Fonto: http://freepik.com*

**LA LAMPIRO** *58-a jaro n-ro 146 2017:4*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikarangô**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto
*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.

**Estraro**
**Prezidanto**: Genildo Martins Coelho
**Vicprezidanto**: Paulo Sergio Viana
**1-a Sekretariino**: Anna Lobo de Carvalho
**2-a Sekretariino**: Sidnéa da Conceição Beall
**1-a Kasisto**: José Roberto Tenorio
**2-a Kasistino**: Neide Aparecida de Freitas
**Propaganda Direktorino**: Maria Delza M. Jesus

**Konsilantaro**
Conceição Rodrigues, Audino Castelo Branco kaj Aparecida de Souza Araújo

**Anstataŭantoj**
Osvaldo P. de Holanda kaj José Martins Coelho

## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

La redaktoro de La Lampiro pasigis kelkajn tagojn en Usono (urbo Raleigh, Norda Karolino) por partopreni la konatan kursaron NASK. Ĝi estis bela sperto, rekomendinda al ĉiu, kiu disponas pri iom da dolaroj.

En la valizo, mi alportis kelkajn ekzemplerojn de nia revuokolekto 2016, kiun mi lasis por la biblioteko de NASK. Por mia surprizo, unu el la ĉefaj organizantoj, al kiu mi donacis unu ekzempleron, diris al mi, ke li jam legis ĝin per interreto.

Ĉi tiu eta okazaĵo pensigis min. Valoras la penon obstine labori por plua aperigado de nia tradicia revuo. Ĝi estas iaspeca símbolo pri la vivanteco mem de la asocio. Sed por ke tiu símbolo estu aŭtentika, necesas, ke la asocianoj legu, kritiku, kontribuu. Jen mi lasas al vi reinviton: ek al verkado por la proksima numero!



# Vortoj de la Prezidanto

## Prof. Genildo Martins Coelho



Jen ĉi tiu numero de La Lampiro estas la lasta, antaŭ nia jubilea kongreso. EASP fariĝas 80-jara en ĉi tiu jaro 2017, kaj ĝia batalado dum tiom da jardekoj meritas dignan celebradon.

Niaj pioniroj meritas honoron kaj rememoradon. Ni danku kaj omaĝu la amason da volontuloj, kiuj laŭlonge de la pasintaj generacioj ne lasis, ke nia verda ŝipo sinku. Ni havas belan historion kaj ĉi tiu momento estas taŭga por retrorigardi (danke) kaj antaŭenrigardi (esperplene).

Tia celebrado ne estas nur tasko de la estraro. Ĝi estu festo por la membroj. Ni alvokas ĉiujn niajn fervorajn kaj sindonajn EASP-anojn alveni al la ŝtata ĉefurbo por nia festo, en la proksima oktobro.

Ĝia sukceso dependos de vi!

# Brokanta Foiro

## "Por kurantaj Esperantaĵoj"

**Leandro Abrahão (Uberlândia - MG)**

En antaŭa artikolo mi priskribis kelkajn manierojn akiri brokantaĵojn en Esperantujo, kaj sufloris la okazigon de ia brokanta foiro kadre de Esperantista Kongreso. Nu, jen okazos tia foiro kadre de la 11a Esperanto-kongreso de San-Paŭlo!

La merkato de Esperantaj produktoj estas esence brokanta. Povas esti ke mi troigas, sed... mi ne celas precizecon. Malmultaj Esperantaĵoj ne fariĝas brokantaj. Multaj verkoj vendataj kiel novaj, estas eldonitaj antaŭ dekoj da jaroj. Malmultaj atingas plurajn eldonojn.

Ordinare libroj, kaj alispecaj Esperantaj varoj eldoniĝas ne grandkvante. Baldaŭ ili fariĝas maloftaj — kaj ĝuste pro tio, valoraj. Certe tio klarigas la emon de multaj Esperantistoj posedi Esperantaĵojn kolekte.

Kiom da libroj kaj Esperantaĵoj vi havas hejme? Kiujn vi havas duoble, eĉ trioble? Kiujn verkojn vi promesis al vi legi, sed neniam legis... kaj neniam legos! Kiujn vi legis kaj ne plu legos? Kiom da revuoj restas netuŝate en iu ŝranko aŭ skatolo? Kunportu ilin kun vi al la kongresejo! Kaj ne nur! Kunportu tiajn Esperantaĵojn, kiuj povas utili al aliaj personoj.

Tie kadre de la 1-a Brokanta Foiro vi povos donaci, vendi, interŝanĝi aŭ simple montri ilin. Eble vi havas ion tre antikvan kaj kuriozan, kion vi plezure montrus al Esperantistoj. Jen favora okazo.

Pri la Foiro



Esperantistoj kunportas siajn brokantaĵojn al la Kongresejo



**Pri la FOIRO**

Krom la du ĉef-tabloj ni havos aliajn du, por vendado kaj interŝanĝado

Ni rekomendas kunporti sufiĉe bonstatajn brokantaĵojn, tiajn, kiujn oni povus iel ankoraŭ uzadi.

La Brokanta Foiro havas sole nur du regulojn:

1. Ĉiu partoprenanto donacu almenaŭ unu brokantaĵon al la aŭkcia tablo de la foiro.

2. La prezo de vendotaj libroj estu taksata jene: po R$0,05 realoj por ĉiu

Tie ili

**POVOS**





Ekspozicii
Donaci
Vendi
Interŝanĝi



## Pri la Foir**ej**o

Tie estos du ĉef-tabloj

1 **La aŭkcia** (pri kiu respondecas la organizantoj)



2 La **ekspozicia** (pri kiu respondecas ĉiuj partoprenantoj)



paĝo. Ekzemplo: 100-paĝa libro kostus R$5 realojn. Alispecajn brokantaĵojn la vendanto taksu mem. Ĉi tiu regulo estas inspirata je la prezosistemo de la brokanta servo de Flandra Esperanto-Ligo.

Ni antaŭvidas, ke ĝi funkcios en du tagoj: vendredon matene (10h – 12h) kaj sabaton posttagmeze (16h – 17h).

### AŬKCIA TABLO

La aŭkcio de la donacitaj brokantaĵoj okazos per kaŝa prezpropono. Sur la aŭkcia tablo estos skatoleto. Kiu partoprenos la aŭkcion, tiu devos proponi prezon sur papereto kaj meti ĝin en la skatoleton. Fine de la foiro la organizantoj anoncos la gajninton. La persono, kiu proponis la plej altan sumon rajtos elekti ĝis kvin brokantaĵojn sur la tablo. La ceteron EASP rajtos ekposedi kaj uzi, kiel estos al ĝi pli oportune. La pagota sumo estos transdonata al la kongresa kaso, por la bono de EASP mem.

### EKSPOZICIA TABLO

Kiuj deziros, tiuj povos meti sur ĝin valorajn objektojn. Certe vi havas hejme aferojn, kiujn Esperantistoj volonte rigardus, sed kiujn vi ne povis ĝis tiam montri. Se estos sufiĉe da aferoj, la organizantoj povus aranĝi improvize konkurseton inter la eksponantoj. Kiu estos la plej antikva objekto? Ni vidos, espereble!?




Foto: Leandro Abrahão

# Eduki por la vivo

## Mia sperto pri "Esperanto ekster la esperanta rondo"

**Dirce Sales (Rio de Janeiro-RJ)**

Mi estis invitita de instruistino Aristô partopreni en amuza kaj terapeŭtika rondo gvidata de ŝi jam de 21 jaroj, en kiu oni prenas poezion kaj muzikon diverslingve kiel resanigilojn por tiuj personoj, kiuj estas turmentataj de depresioj kaj aliaj neŭrozoj.




Delonge ŝia revo estis vidi Esperanton inter aliaj lingvoj prezentataj dum la evento, en la klasikstila konstruaĵo ĉe Plaĝo Flamengo en Rio-de-Ĵanejro, konata kiel Kasteleto, dufoje monate kun la ĉeesto de du gitaristoj.

Do, je la 14 de Februaro 2014, jen mi parolis pri kaj en Esperanto inter personoj, kies kono pri tio estis nula. Kaj unu el la sinjorinoj tuj plendis:

— Se vi deklamos en Esperanto kiel ni komprenos?

— Mi tradukos samtempe!

Kaj fiere, jen mi meze de la salono deklamis de Julio Baghy la belan poemon "Al nia lingvo", kies enhavo resume kaj simple diras preskaŭ ĉion pri nia amata idiomo!

Je la fino de l' deklamado, oni petis, ke mi kantu, tamen postulis konatan muzikon, kompreneble! Kaj mi, sentante min tute hejme, anoncis la tre konatan boleron "Besame Mucho", kaj eĉ la gitaristoj entuziasmiĝis. Post la prezentado, mi resume parolis pri Esperanto, kaj la sama sinjorino, kiu plendis pri nekompreno, demandis min pri Volapuko, kaj mi, kompreneble, respondis tion, kion mi sciis pri la menciita lingvo.

Ŝi entuziasmiĝis, ŝanĝis la tonon de la voĉo, festis, ridetis, ĉar laŭ ŝia emocia reago, mi estis la sola persono, kiun ŝi trovis dum multaj jaroj, kies respondo estis jesa al la lingvo, kiun ŝi lernis hejme de la gepatroj.

Do mi sugestis al ŝi paroli pri Volapuko al la esperantista rondo en KKE kaj en AERĴ, ĉar certe multaj el ni, inkluzive de mi, scivolus aŭdi la sonon de la lingvo, al kiu mi estis prezentita en miaj unuaj lecionoj de la baza kurso, kaj kies aŭtoro estis tre respektata de nia kara Zamenhof.

Je la fino de la kunveno du sinjorinoj demandis min pri kurso de Esperanto en la kvartalo Botafogo. Mi indikis adreson de la konata Spiritisma Centro Bezerra de Menezes, Strato Bambina, kaj ili notis en kajereto kaj en la koro.

Bone, resume, jen mia propagando pri nia verda kaj amata idiomo ekster la rondo.

# Kino kaj aliaj artoj

## Recenzo - filmo: Lion

Anna Lobo (São Paulo-SP)




**Nomo**: Lion
**Filmodaŭro**: 1h50min
**Reĝisoro**: Garth Davis
**Roluloj**: TDev Patel, Rooney Mara, Nicole Didman.
**Tipo**: Biografio, dramo, aventuro.
**Nacio**: Usono, Aŭstralio kaj Britio

Ĉi-foje mi recenzos filmon, kies scenoj okazas en lando, kiu ege allogas min – Barato/Hindio. Oni povas ensorĉiĝi pro ĝiaj pejzaĝoj kaj kulturo, same kiel ŝokiĝi ĝuste pro tio. Ĝi ja estas malsama, mi kredas, eĉ por la orientaj landoj. Lion estas tre kortuŝa kaj bela filmo, inspirita de iu reala okazaĵo.

Mi tre ĝuis spekti ĝin kaj mi profitas, ke mi havas ĉi tiun spacon por diskonigi pri ĝi. Se vi estas ŝatanto de kino kaj kulturo, kiel mi, mi pensas, ke ankaŭ vi ĝuos ĝian spektadon. Ĉu vi pretas perdiĝi?

En la komenco oni montras la etoson de eta barata urbeto en kiu loĝis infano kun sia familio. Malfacila situacio – tri infanoj kun sia panjo. Iam la eta knabo Saroo tre volis iri kun sia plej aĝa frato labori. Post la permeso, li portis la etan fraton kun si. Pro dormemo, la infano restis kuŝanta sur benko, dum la frato serĉis laboron. Vekiĝinte, li ne plu vidis la fraton kaj, serĉante lin, la knabo eniris en trajnon... kiu iris tre tre foren, kaj alvenis en la urbo Kalkuto.

Imagu la malfacilaĵojn, kiujn li trapasis post tio! Estis vera aventuro! Mi lasos vin kun la scivolemo pri tio, sed ja vi estas bonvena akompani la aventurojn de tiu lioneto en lia vivo. Estas ege inspira filmo, kun belaj kaj interesaj scenoj. Kiu havas iun intereson pri la barata kulturo, tiu povos ege interesiĝi pri la filmo. Kiel oni diras en kanto de la muzkgrupo La Perdita Generacio: "Nur tiu, kiu perdiĝas, trovas sin mem". Bonan spektadon kaj ĝis la sekva filmo!

# Lingvaj Demandoj



*Francisco Wechsler, eksredaktoro de "La Lampiro", estas unu el la plej profundaj brazilaj aŭtoritatuloj pri la Esperanta gramatiko.*

*Por la profito de niaj gelernantoj, ni proponis al li la jenan frazon:* ***"Li havas pli fortan akĉenton ol lia edzino"****.*

*Kaj la demandon: "lia edzino" aŭ "sia edzino"?*

## Lingvaj Respondoj de Francisco Wechsler

Tre interesa ekzemplo, kaj kaptilo por la nesingardaj (en kiujn mi inkluzivigas min mem)! Espereble mia klarigo ne tro lacigos vin.

Laŭ PMEG 15.01, oni povas uzi "ol" en rektaj komparoj kaj ankaŭ en sub-komprenaj komparoj.

"En rektaj komparoj tio, kun kio oni komparas, efektive aperas post ***kiel*** aŭ ***ol*** en la kompara esprimo. Se oni klarige vastigas rektan komparon, oni uzas ĉiam la verbon esti:

"Tiu ĉi malfreŝa pano estas [tiel] malmola, kiel ŝtono.(FE.33) = Tiu ĉi malfreŝa pano estas tiel malmola, kiel ŝtono estas malmola. Oni komparas panon kun ŝtono." K.t.p.

Mi ĉerpis tri Z-ajn ekzemplojn pri posedpronomoj en rektaj komparoj. Rimarku, ke la vorteto "ol" en la ĉi-subaj ekzemploj fakte enkondukas alian propozicion, kies subjekto estas mal-sama, ol tiu de la unua propozicio, do tial Z. uzas "lia", ne "sia":

"Ŝajnis, ke ĉi tiu frato en sia strebado estas pli feliĉa ol liaj du pli aĝaj fratoj."

*(Fabeloj de Andersen 3)*

"Ĉu viro estas pli pura ol lia Kreinto?"

*(Malnova Testamento)*

"— Tio estas afero malfacila, — interrompis la mastrino, kaj pli ĝentile ol ŝia helpantino ŝi parolis plue:"

*(Marta)*

Ni revenu nun al PMEG:

"En subkomprenaj komparoj la komparaĵo ne aperas mem en la kompara esprimo, sed estas tie nur subkomprenata. Anstataŭe post ***kiel*** aŭ ***ol*** aperas io, kio rilatas al la komparaĵo. Se oni klarige vastigas subkomprenan komparon, la subkomprenata komparaĵo ja aperas. En la vastigita versio oni ordinare uzas tiun saman verbon, al kiu rilatas la kompara esprimo (ne ĉiam ***esti***, kiel ĉe rektaj komparoj):"

"Mia frato loĝas en alia lando ol mia fratino. → Mia frato loĝas en alia lando, ol la lando, en kiu loĝas mia fratino. La kompara esprimo ***ol mia fratino*** kunlaboras kun la vorto ***alia***, kiu estas rekta priskribo de ***lando***. Oni do komparas du landojn." K.t.p.

Jen unu Z-a ekzemplo pri subkomprenaj komparoj, en kiu li uzas "sia" kaj poste "ŝia":

"[...] ŝi staris inter ili kiel malbela monstro, eksaltis laŭ sia rana naturo pli alten ol ŝia propra alteco kaj malaperis en la densejo."

*(Fabeloj de Andersen 4)*

(Denove vidiĝas, ke "ol" subkomprene enkondukas alian propozicion, ĉar Z. pensis pri la jena komparo: "pli alten ol povus atingi ŝia propra alteco".)

Fine, jen ekzemplo ĉerpita el "La ŝtona urbo", kie la aŭtorino tute ĝuste uzis "sia", ĉar ne enkondukiĝas nova subjekto:

"[...] li volonte aŭskultus nudkruran mesaĝiston el Romo ol siajn proprajn druidojn" (ol li aŭskultus siajn proprajn druidojn).

En la ekzemplo de vi citita, la ĝusta formo estas: "Li havas pli fortan akĉenton ol lia edzino". Se ni klarige plivastigas la frazon, ĝi fariĝas: "Li havas akĉenton pli fortan ol la akĉento, kiun lia edzino havas." Do ekzistas dua, iom kaŝita propozicio, kun la subjekto "ŝi".

Iom esplorinte ĉi tiun temon per la Tekstaro de Esperanto, mi konstatas, ke eĉ bonaj aŭtoroj, kiel Stellan Engholm, ne ĉiam sekvas la ekzemplojn de Z. Dume mi pristudos ĉi tiun temon iom pli, kaj poste probable mesaĝos al Bertilo pri ĉi tiu nekonsekvenceco, ĉar mi opinias, ke ĝi pliriĉigus PMEG-on. (Bedaŭrinde mi ne plu povas konsulti Geraldo Mattos...)

Brakume,
FSW



# Ĉu poezio necesas?
## Paulo Nascentes

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**


*Paulo Nascentes*

De antaŭlonge, la brazila kaj eksterlanda esperantistaro admiras la poeton Paŭlo Nascentes, kies dulingva blogo “Papos Nascentes” estas oazo de inteligenta vivo kaj espero: tie oni trovas dulingvajn poemojn, artikolojn, rakontojn en la Portugala kaj en Esperanto:

Profesoro Paŭlo Nascentes estas kreema poeto: li ĵonglas per buntaj metaforoj. Lia poezio kantas, dancas, protestas, luktas, amas kaj petolas kiel gaja infano.

Speciala demiurgo, li brile desegnas la portreton de poeto, la kialon de poemverkado, per instiga metalingva poezio. Jen mi prezentas kelkajn perlojn verkitajn de li:

**Poeto**

Via malkombita rigard'
vertikaligas horizontojn
— marajn —
sen faligi navojn

Via freneza lingvaĵo
subirojn disbatas
— varmajn —
sen kaosa instalo
kaj sen astrojfalo

Via esto sentakta
dehiskas en unikaj
spacoj
spite al temp' diversa
lasu esti diversa
unuo!

**Unua esprimo**

El la diskurso
la kurson
— ne stagnan akvon

El la teksto
ĝian kaŝitan senson
— ne la deziratan pretekston

El la formulo
la elpelilon kie la forto
virtuale dormas

El la vorto
la malplenon de felina salto
en l' abismon de konotacioj

Volas mi fine el la poemo
ne nur l' emblemon,
sed skuon, sismon, tertremon
— tia poezia produkto

Por legi pliajn poemojn vizitu: http://www.paposnascentes.com

# Kongresaj memorigoj

77 personoj el 28 urboj jam aliĝis al la 11-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo, kiu ĉi-jare okazos en la ĉefurbo San-Paŭlo inter la tagoj 12-a kaj 15-a de oktobro.

**Kongresejo**

La evento disvolviĝos en la salono "Vitória" de Asocio de la Oficira Militista Policanaro (AOPM) situanta en la strato Mamud Rahd, 973 — norde de la ĉefurbo en la kvartalo Tremembé.

**Programo**

Diversaj aranĝoj, kleraj kaj distraj, okazos dum la kvar kongresaj tagoj: prelegoj kaj prelegeto-sesioj, debatoj, intervjuo, kvizo, atelieroj, artaj prezentoj, brokanta foiro, aŭtora duonhoro, libroservo kun novaj titoloj enlandaj kaj alilandaj, k.m.a.

**Loĝado**

La plej proksimaj loĝopcioj troviĝas en la apuda kvartalo Santana. Kelkaj opcioj de hoteloj kaj gastejoj (hosteloj), situantaj ĉirkaŭ la metrostacio Santana, estas listigitaj en la retejo de la asocio <easp.org.br/kongreso>. Tie legeblas ankaŭ informoj pri kiel atingi la kongresejon per publika transporto.

**Aliĝilo**

La reta aliĝilo restos alirebla ĝis la 8-a de oktobro. Post tiu dato, aliĝoj estos akceptitaj nur surloke. Se vi ankoraŭ ne aliĝis, vizitu la paĝon <http://easp.org.br/asocio/inscricoes>.








# Monty Hall

## La psikologia aspekto de la probablo

## Audino - Raŝi (Atibaia-SP)



*Monty Hall*

De 1963 ĝis 1976 estis prezentata, en usona televida programo, konkuro konata kiel "Let´s Make a Deal" (Ni Interkonsentu - Ni Marĉandu). La persono, kiu prezentis la programon al la publiko nomiĝis "Monty Hall". En iu parto de la programo, li montras 3 fermitajn pordojn al la konkuranto, kiu devas elekti unu pordon inter ili, kun la celo gajni aŭtomobilon. En nur unu el la pordoj estas aŭto, kaj en la aliaj, po unu kapro. Post la unua elekto de la partoprenanto, "Monty Hall" (kiu ĉiam scias, kie estas la aŭto) malfermas unu el la **neelektitaj pordoj** de la ludanto kaj montras ke, malantaŭ ĝi, estas kapro. Ĉar en ĉi tiu fazo de la ludo restas nur du fermitaj pordoj, la televida prezentisto demandas, ĉu la konkuranto volas interŝanĝi sian unuan elekton kontraŭ unu el la du restintaj pordoj, post la forigo de tria opcio. Sekve al la fina decido de la partoprenanto pri la ŝanĝado (aŭ ne) de sia elekto, Monty Hall malfermas la finelektitan pordon por montri ĉu la aŭto estas tie. Jes-okaze, la partoprenanto gajnus la aŭton; ne-okaze, kapron.







Ĉi tiu problemo, pri elektado de pordoj, priskribita supre, nur atingis mondskalan famon nur en 1990, kiam iu persono sendis demandon al iu revuo kun proksimume la jena dubo:

**Ĉu estas ia avantaĝo ŝanĝi la unuan elekton?**



La persono, al kiu estis adresita la demando nomiĝis Marilyn Vos Savant, kiu estis konata kiel la plej inteligenta persono en la tuta mondo (de 1986 ĝis 1989) ĉar ŝia "Inteligenta Kvociento" (legu "La Lampiro"n 143, p. 7) estis taksita je la grado 228, la dua plej granda dum la tuta historia mezurado de tiu skalo. Marilyn respondis la demandon kaj klarigis: "Jes, oni devas ŝanĝi la unuan elekton. La unua pordo havas **1/3** da ŝanco je venkado, sed la dua pordo havas **2/3** da ŝanco."

La klarigo de Marilyn provokis 10.000 atakojn, perletere, ĉar la legantoj malkonsentis pri ŝia respondo. Ili argumentis ke, se en la fino de la ludo estas nur 2 pordoj, la probablo inter ili estas egalaj, do **½** (**50%**). Mil el tiuj malkonsentuloj estis specialistoj pri Matematiko, magistroj kaj doktoroj, kiuj eĉ ofendis ŝin, en kelkaj okazoj, per deklaroj, kiel "Vi estas la kaprino!", "Mi estas ŝokita, ĉar eĉ post kiam almenaŭ tri matematikistoj korektis vian respondon, vi ankoraŭ ne vidas vian eraron.", "Vi estas ĝisoste malĝusta", "Eble virinoj rigardas matematikajn problemojn malsame ol viroj", "Vi eraris, sed rigardu la pozitivan flankon. Se ĉiuj tiuj Ph.D (postdoktoriĝuloj) estus malĝustaj, la lando estus en tre serioza problemo", "Mi ankoraŭ pensas, ke vi estas malĝusta. Ekzistas tiaj aĵoj, kiel virina logiko", "Kiom da koleraj matematikistoj oni bezonas por ŝanĝi vian menson?", "Mi estas tre maltrankvila pro la manko de matematikaj kapabloj de la ĝenerala publiko. Bonvolu helpi pliboniĝi la situacion per konfesado de via eraro kaj, en la estonteco, estu pli zorgema", "La rezultoj de la lernantoj en Matematikaj ekzamenoj, en nia lando, jam estas teruraj kaj ni ne bezonas ke vi malplibonigu la situacion".

En alia kazo, kvazaŭ pruve al la aserto laŭ kiu **"la matematikaj veroj ne ĉiam estas en la flanko de la plejmulto"**, malgraŭ tiom da kritikoj, tiom da mizoginaj eldiroj, oni eltrovis, ke la respondo de **Marilyn** estis absolute ĝusta! Sed, kial tiu granda kvanto da spertuloj pri Matematiko fiaskis en iu problemo, kiu estas konsiderata simpla? (rilate al la profundeco pri matematika rezonado). La respondo povas esti "En neniu alia branĉo de Matematiko estas tiel facile al iu fakulo erari, kiel en probabloteorio". Sed, ankaŭ ekzistas aliaj kialoj kiel, ekzemple, la kontraŭintuicia karaktero de tiu problemo. La forto de tiu "kontraŭintuicieco" estas tiom granda, ke eĉ kiam la persono estas priklarigata per ia logika solvo kaj, krom tio, informita pri la tradiciaj statistikaj rezultoj, kiuj montras, ke la plej granda parto de la personoj gajnintaj la aŭtomobilojn, estis tiuj, kiuj interŝanĝis la pordon; eĉ tiel, la personoj emas resti, blinde, kun sia unua elekto!



Kiam oni demandas, al la malvenkintoj, “kial vi ne ŝanĝis vian unuan elekton?”, oni ricevas respondoj kiel “Se mi interŝanĝus la pordon kaj mi perdus la aŭton tiamaniere, mi ne pardonus min pri la forlaso de la venkiga pordo!”, “Kiam la prezentisto de la programo provis, pli kaj pli, konvinki min ŝanĝi mian opcion, mi havis la impreson, ke li volas trompi min”, “Mi ne ŝanĝis mian unuan opcion ĉar ĝi enhavas mian preferatan numeron”, ktp.

La kutima neglekto de la statistikaj veroj, fare de ordinaraj personoj (kiel mi kaj vi) tre probable ne decidos, ĉu ni gajnos kaprojn anstataŭ aŭtojn sed, multe pli grave, povas havi grandan pezon en nia vivkondiĉo, ĉu en ĝia kvalito, ĉu en la simpla ekzisto de la pluvivado, ne nur nia, sed ankaŭ de personoj kiujn ni amas...

Ni neglektas la statistikojn kiam ni decidas ne uzi sekurzonon, kiam ni ne obeas la trafik-platojn (pri rapideco, deviga haltado, ktp.). Ni prifajfas la statistikojn kiam ni preteratentas la konsilojn de kuracistoj, instruistoj kaj de saĝaj maljunuloj, ĉar ni preferas la vojojn, kiuj kondukas nin al la “kaproj” de la vivo.

Ni trovas malfacilecon rezoni en tiaj situacioj. Kiam ni estas antaŭ 100 pordoj kaj ni elektas unu el ili, se la probablo je venkado estas 1%, ni tuj devas konkludi, ke la probablo je malvenko estas 99%; kaj, se ni havas la eblecon interŝanĝi nian elekton (1% kontraŭ 99%), en simila cirkonstanco kiel la **“Paradokso de Monty Hall”**, ni ne devas heziti pri tio, malgraŭ niaj personaj preferoj, niaj miskredoj kaj fantaziaj timoj.

Diru la veron: ĉu vi kutimas interŝanĝi la pordojn en via vivo? La kvanto da “kaproj” en nia ĉirkaŭaĵo diras multe pri la kvalito de niaj elektoj. Nia libervolo povas esti perfektigata, ni bezonas nur saĝe esplori la rezultojn de la statistiko kaj uzi ĝin.

------------------

**Noto**: se vi ankoraŭ kredas je la aleatoreco de la kalkuliloj, instalu la apon “Monty Hall” en via poŝtelefono per la vojo> Play Store/The Monty Hal Game. Ĝi havas nek viruson, nek propagandon kaj ĝi povas konvinki eĉ la plej neŝanĝeman ulon de la mondo.

KULTURKUNVENO
ĉiun lastan sabaton
Partoprenu!

ENIRO SENPAGA
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo
Rua Faustolo, 124 - Água Banca

# Movado

## Personaj impresoj pri NASK

**Paŭlo Sergio Viana (Lorena-SP)**

Mi de longa tempo konsideras, ke la “Nordamerika Somera Kursaro” (NASK) de Esperanto estas unu el la plej interesaj eventoj en la Esperanta mondo. Ĝi estas jam sufiĉe tradicia, ĉar ĝi regule okazadas de jardekoj. Speciala trajto estas, ke ĝi ĉiam okazis en universitata medio. Diversaj usonaj urboj jam gastigis la kursaron. Nuntempe, la bela urbo Raleigh, en Norda Karolino, jam tion faras de kelkaj jaroj. Tie, la instalaĵoj de Universitato William Peace perfekte taŭgas por ĝiaj celoj.

El kio ĝi konsistas?

Malgraŭ la nomo, ĝi ne konsistas “nur” el kursoj. La koncepto estas pli diversa. Esence, la strukturo de la programo, dum unu semajno, estas la jena: dum la matenoj, okazas kursoj (baza, postbaza, progresiga, supera); posttagmeze, kvankam la tempo estas libera, oni proponas prelegojn, diskutojn, atelierojn (ekzemple: pri sonregistrado, pri librofarado, pri kantado, eventuale pri kino aŭ aliaj aferoj). Foje, okazas gvidataj promenoj tra la urbo, kiel en la tago de la usona sendependiĝo, aŭ kiam oni grupe vizitas belajn muzeojn. Vespere, kurioza “gufujo”: neformala, distra kaj tre amuza babilado kun trinkado de teo. Rezultas do kursaro kun iaj koloroj de kongreso. Ordinare, partoprenas homoj el diversaj landoj. En 2017, krom la eksterlandaj instruistoj (kaj unu ilia filo!) alvenis unu brazilano kaj du kanadanoj.



Rezultas unu semajno (en antaŭaj jaroj ĝi tamen daŭris du semajnojn!) da intensa kunvivado en Esperantujo. Kaj kredu min: la nivelo de tiu kunvivado estas tre kontentiga, ĉar la publiko konsistas el kleraj, bonhumoraj homoj. Krome, niaj usonaj samideanoj (same la organizantoj kiel la partoprenantoj) estas nekredeble afablaj, amikemaj personoj. Ĉie regas ĝentileco, afableco kaj perfekta edukiteco.

Mi iom menciu la nivelon de la instruistoj. Alta nivelo! Tradicie, almenaŭ por la supera nivelo oni ĉiam invitas eksterlandan eminentulon, kio en si mem faras la kurson alloga. Imagu unu tutan semajnon kun Katalin Kováts! Ĉijare, ankaŭ en la progresiga kurso la partoprenintoj ĝuis tutan semajnon kun Sylvain Lelarge! Nur tio jam valorus la klopodon vojaĝi al Usono.

Mi finu per komento pri la organiza teamo. Mi konfesas: mi neniam vidis tiel kompetentan, seriozan kaj servopretan laborgrupon. Vere, pli ol profesia laboro! La gastigado, la manĝoj, la programo, la komforto por la partoprenantoj — ĉio estis perfekte provizata. Oni sentas sin sekura kaj certa, ke ĉio bone funkcias. Kaj ĉio en tiel amika etoso, ke oni sentas sin hejme flegata.

Konklude: mi pensas, ke brazilanoj devus nepre partopreni en NASK, almenaŭ unufoje, por sperti unikan Esperanto-eventon. La kostoj ne estas tro altaj. Se oni dum kelkaj monatoj ŝparas kelkajn dolarojn, ĝi estas atingebla. Mi pensas, ke la brazila movado povus krei fondaĵon por sendi almenaŭ unu junan aktivulon al NASK, ĉiujare. Tio certe havus edukan valoron.

Mi finu per eta aldono. Mi konfesas, ke mi vizitis NASK-on kun unu plia intenco. Mi emis observi de proksime la funkciadon de tiu bela evento kun la demando, ĉu eventuale oni povus fari similan en Brazilo. Efektive, mi pensas, ke oni devus starigi aliajn similajn eventojn tra la tuta mondo. Se paroli pri Brazilo, jes, mi konkludis, ke tio eblas.

Ĉu ni lanĉu la defion?



# Recenzo

## Birda Grundo/Chão de Pássaros

**Paŭlo Sergio Viana (Lorena-SP**

Brazilo havas longan tradicion en la Esperanta poezio. Mello e Souza, Sylla Chaves, Geraldo Mattos, Leopoldo Knoedt, Benedito Silva, Diderto Freto, Aloisio Sartorato, Neide Barros Rego, Jorge das Neves, Francisco Wechsler, Paulo Nascentes, Dirce Sales, Adonis Saliba — jen kelkaj nomoj de poetoj, kiuj senpere venas en la memoron (pardonu, se mi preterlasas iun!). Oni rajtas diri, ke ni estas poeziema Esperantujo.




Dum la lastaj jaroj unu poeto tamen iom post iom elstariĝas en nia parnasa panoramo. Mi petas vin atenti pri tiu speciala voĉo: Maria Nazaré Laroca.

Ŝi jam poeziumis per la portugala lingvo, de antaŭ longe. Ŝi eĉ ricevis personan leteron de la famekonata brazila poeto Carlos Drummond de Andrade. Lerninte Esperanton, ŝi fariĝis dulingva versanto. Per sia aktiva blogo *"Conversando com Verso e Alguma Prosa"* (nazarelaroca.blogspot.com.br) ŝi konstante produktas inspiroplenajn poemojn.

En la jaro 2013, aperis ŝia unua poemaro en Esperanto: "Penseroj". Antaŭ nelonge, aperis la dua kolekto "Birda Grundo / Chão de Pássaros" (eldono de Associação Editora Espírita F.V. Lorenz), ĉifoje dulingva. Ĉiu poemo ricevis Esperantigon fare de Laroca mem. En tia situacio, oni eble ne devus paroli pri "traduko", sed pri reverkado, ĉar la poeto estas pli libera en sia transverkado ol estus "normala" tradukinto, kiu devus interpreti la intencon de la originalo. Rezultas, ke la poemoj, en ambaŭ lingvoj, ŝajnas originale verkitaj. Estas tre interese kompari la versiojn kaj ĝui la liberecon de la aŭtoro.

Laroca estas poeto de detaloj. Detaloj de pejzaĝoj, detaloj de objektoj, detaloj de sentoj. Tio faras ŝian sonadon tre delikata, kiel "ĉambra muziko". En mia fantazio, mi imagas, ke ŝi verkas poezion por fluto. La soleco, kiu aperas inter ŝiaj versoj, pensigas pri flutblovado sonanta en vasta, senhoma kampo. Ŝi poezias por la herboj, por la birdoj, por la floroj, por la vento; se homoj emas ensorbi la magion, ili estas bonvenaj. Nazaré Laroca ne bezonas publikon, ŝi nutras sin mem per poezio. Se leganto alproksimiĝas, ŝi akceptas lin senrezerve, per sia varma, granda koro. La poemoj estas preskaŭ ĉiam nelongaj, la versoj ne-

*(Daŭrigota en la paĝo 21)*

# Forpaso
## Floriano Pessoa

### Omaĝe fare de Alfredo aragón (Rio de Janeiro-RJ)

Hodiaŭ mi faros 'fugon', tio estas, mi ŝanĝos la temon kaj, anstataŭ muziko, mi parolos pri amiko tre interne en mia koro, preskaŭ frato, kuzo, onklo eĉ multe pli ol tio. Mi konis lin tuj post mia alveno en Brazilo, en loko tre konata monde, "Praça da República, 54 - Rio-de-Ĵanejro — Brazilo", eble kelkaj el vi konas tiun lokon. Malnova domo. Duetapa ligna ŝtuparo (iom danĝera, pro la tempo), en la unua halto estis aranĝita io pri Geografio - mi ne bone memoras; daŭrigante la supreniron, oni atingis la salonegon dividitan en du partojn: en la destra parto, salono por instruado kaj prelegoj; maldestre de la ŝtuparo, salono kie tri aŭ du (ho ve! mia memoro...) grandaj fenestroj (de planko ĝis plafono) permesis la eniron de la suno, kaj oni vidis la parkon "Praça da República", konatan ankaŭ kiel Parko de Sant'ana. Kelkaj tabloj kaj precipe pluraj ŝrankoj kun granda kvanto da libroj konsistigis la libroservon kaj la Bibliotekon. Tie mi vidis unue iom diketan sinjoron kun okulvitroj, preskaŭ senhara, kiu kun survizaĝa rideto bonvenige salutis min. Lia nomo: Fernando José Galvão Marinho (nun en la Spirita Mondo), tiutempe prezidanto de BEL — Brazila Esperanto-Ligo.



*Floriano Pessoa (1934 - 2017)*

Iom poste aperis pluraj membroj de la estraro, inter ili, impona pro lia danda sinteno, sinjoro kiu ankaŭ ridete salutis min. Dum nia interparolo, mi eksciis ke li estas Inĝenjero kaj laboras en "Petrobras", ke lia Esperanto estas tre erudicia, tre trafa laŭ vortelekto, male al la mia - tre deficita, sed li tre delikate ne kritikis min. Malgraŭ tiu diferenco, ni fariĝis tre amikaj pro la komuna inklino al muziko kaj arto ĝenerale. Li diris al mi ke li lernas muzikon, speciale gitaron, kaj ke li dezirus ricevi de mi kelkajn instruojn. Eble li rimarkis ke mi bezonas iom da mona helpo, do, li invitis min al sia domo, ĉe la kvartalo Tiĵuka. Mi iris tien kaj konis lian belan kaj tre elegantan edzinon kaj iliajn du filojn, Floriano kaj Rui, kiu tre ĝentile kantis ludante gitaron kelkajn brazilajn kanzonojn. Nu, mi instruis lin muzikon, parolante nur esperante; kelkajn esperantajn vortojn pri muziko mi ŝuldas al li.

Sed pasis la tempo, li vidviĝis, prisanaj problemoj suferigis lin, lia korpo ne plu funkciis kiel antaŭe, sed mense li estis tre aktiva; lia ŝakludo daŭris bonega, eble eĉ pli bona. Pro manko de forto en liaj fingroj, li ne plu ludis gitaron; anstataŭe, li ludis tiujn porteblajn pianojn, kiujn kelkaj pro pigreco nomas "teclado", Dum kelke da tempo li estis helpata de amikino esperantista, kiu akompanis lin al la kongresoj kaj tajpis liajn prelegojn. Antaŭ tri jaroj mi proponis librigi liajn prelegojn kaj komencis serĉi inter volumego da paperoj la prelegojn, skanis tiujn skanigeblajn, ĉar aliajn li havis en sia komputilo; sed kelkajn mi devis retajpi, ordigi, iom fasoni, skani bildojn kaj alĝustigi al libra formato. Sed lia sano ĝenerale ne venis al bona stato. Fine li enhospitaliĝis plurfoje kaj revenis hejmen, kie la ŝakludado daŭris ĝis la fino de ĉi-jara julio, ĉar la enhospitaligo fariĝis pli bezonata.

La nomo de mia amiko? La nomo de mia amiko estas en la koro de multaj, kiuj konis lin, kaj en mia koro, same kiel en la koro de liaj familianoj ĝi estas orprintita. Li nomiĝis: Floriano Negreiros de Vasconcelos Pessoa. Por ni nur: Floriano Pessoa.

Li naskiĝis la 11-an de junio 1934 kaj iris al la Spirita Mondo, la 9an de aŭgusto de 2017, por atendi nin.



## Recenzo: Birda Grundo *(Daŭrigo de la paĝo 19)*

longaj, la liriko ŝveba. La muziko ne troviĝas en striktaj rimoj aŭ metriko, sed en melodio de murmuranta rojo. Sed ni ne trompiĝu pri la ŝajna malgrandeco de ŝiaj poemoj: ili estas densaj, plurtavolaj, kaj ofte oni devas legi kaj relegi ilin por elpreni la tutan ideon. Estas konsilinde legi ilin voĉe, por pli bone kapti la magion. La subjektiveco de ŝiaj metaforoj ofte estas kortuŝaj. Vidu:

***Aprilo***

*En tiu aprila mateno*
*la suno pompe velas*
*sur la safira bluo,*
*kiu nudigas la ĉielon*
*de birdoj kaj senhastaj*
*rigardoj.*
*Pilgrimanto,*
*l´ aŭtuno someras*
*lun mildeco.*

Ni ne forgesu: legado de poezio bonfaras al la sano de la homa cerbo. Legado de "Birda Grundo" bonfaras ankaŭ al la koro. Ni jam atendas la trian poemkolekton de Maria Nazaré Laroca!

# Eŭreka!
## HIV - La aidoso-viruso

**Guilherme Jardim (Charqueada - SP)**

La apero de aidoso, en la komenco de la 1980-a jardeko, kiel mortiga forto, estis sendube la plej granda katastrofo, kiu batis la homaron en la dudeka jarcento. Nur en Afriko, la kvanto da mortoj jam estas dekoj da milionoj.



Dekomence, multaj dubis, ĉu aidoso estas kaŭzata de infekta organismo. (Kelkaj ankoraŭ havas tiun dubon, sed grandega kvanto da evidentaĵoj sciencaj ilin kontraŭas). Tamen, por esploristoj, unu viruso ĉiam ŝajnas esti la plej probabla kaŭzo kaj pluraj laboratorioj baldaŭ sin dediĉis al la tasko trovi ĝin.

Preskaŭ tuj oni vidis, ke pacientoj de aidoso perdis specifajn blankajn ĉelojn de la sango, nomatajn T-linfocitoj, esence grava parto de la imunosistemo. Sekve de tio, iliaj defendaj sistemoj kolapsis, lasante ilin senprotektaj kontraŭ iu ajn infekto.

Tiu malkovro allogis la intereson de Robert Gallo, en la laboratorio National Center Cancer Institute de Usono, en la ĉirkaŭaĵoj de Washington. Gallo estis ĵus malkovrinta du virusojn, kiuj atakis la T-ĉelojn, malgraŭ ke tiuj virusoj, anstataŭ mortigi ilin, igis ilin senkontrole multobliĝi, rezultigante leŭkemion. Dume, Luc Montagnier en la Institut Pasteur, en Parizo, ankaŭ komencis ĉasadon al la viruso. Dekomence, la du laboratorioj kunlaboris kaj, en 1983, publikigis sam-tempe artikolojn en la revuo Science, postulante la rajton pri la malkovro, kiu montris, ke aidoso estas kaŭzata de ia viruso simila al tiu kaŭzanta leŭkemion. La artikolo de la teamo de Montagnier (lia precipa redaktoro estis Francoise Barre-Sinoussi) enhavis inkluzive foton faritan per elektronika mikroskopo, montr-antan la virusajn partiklojn. Estis ia "retroviruso" — tiu, kiu portas siajn genojn en unu RNA-molekulon, anstataŭ en la DNA-molekulon, kiel ordinare. Kiam ĝi infektas unu T-ĉelon, ĝi faras kopion de siaj genoj en la DNA, kiu fine fiksiĝas al la DNA de la T-ĉelo.

Post la komenca malkovro, la historio iĝas malbonega. La teamoj francaj kaj usonaj nuligis la proksiman kunlabor-adon; iu kurado stariĝis kaj ĉiu laboratorio, aparte, penis pruvi, ke ĝia

propra kulturo de viruso estis fakte la kaŭzanto de aidoso, provante prepari eblajn kulturojn kaj sinsekvan ranĝon de ilia genomo (tio estas, ĉiun ilia genaro). La venkonto rikoltus ne nur la renomon sciencan, kiel ankaŭ la propreco-rajtojn de la teknologio por diagnozi iun virusan infekton. En specifa momento, Gallo estis akuzita pri tio ke li maletike prezentis la virusojn apartenantajn al Montagnier kiel siajn. Investigado fare de Office of Scientific Integrity, en Usono, ne konfirmis maletikan agadon intencan, sed ege kritikis la laboratorion pro neekzakteco de la registroj. Fine, la registaroj franca kaj usona alvenis al konsento por dividi la rajtojn.

Gallo kaj Montagnier estas hodiaŭ rekonataj kiel partneroj en la malkovro de la viruso nun konata kiel HIV. La antikva konvinko de Gallo, ke temas pri viruso simila al la viruso de leŭkemio montriĝis nekorekta. Pli precize, temas pri ia viruso de la subfamilio “lenti-virusoj”, de la familio de la retrovirusoj, kiuj estis antaŭe konataj, ke ili kaŭzas malsanon en domaj bestoj. La HIV certe unue infektis homajn estulojn en Okcidenta Afriko, en la jardeko 1930. Similaj virusoj estis trovitaj en simioj.

E. Barre-Sinoussi et al, Science 220,868-871 (1983)x



## DINĈJO KAJ LA SORĈISTINO



# La mito de Heraklo sub nuntempa rigardo

*(Daŭrigo de la antaŭa numero)*

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**

***9-a — La feraj birdoj de la lago Stimfalo***

En tiu lago vivis amaso da detruemaj birdoj, kiuj ĵetis siajn ferajn plumojn kontraŭ homoj kaj bestoj. Tiel multnombraj ili estis ke, kiam ili flugis kune, la sunlumo ne atingis la teron.

Per siaj sagoj kaj klabo, Heraklo sukcesis faligi kelkajn, sed la rezulto estis sensignifa. Li konkludis, ke por plenumi sian taskon li bezonas tute novan armilon.

Foje plumo de faligita birdo atingis la teron kaj estigis bruegon, kiu dum kelka tempo forpelis la aliajn birdojn. Heraklo decidis do uzi tiun rimedon. Li prenis du cimbalojn, faritajn de la dio Hefesto, kaj frapadis ilin fortege, dum longa tempo. La surdiga kaj konstanta bruo tiel timigis la birdojn, ke ili forfuĝis kaj ne plu revenis.

Tiuj feraj birdoj simbolas la amason da konfliktaj pensoj de la homa menso, kiuj kaŝas la lumon de la vero. Kontraŭ ili ne valoras ordinaraj rimedoj, ne valoras forto, mono, kuraciloj. La solvo estas en la propra menso de la homo, kiu povas produkti alispecajn pensojn, entuziasmajn, lumigajn, kaj per ili forpeli la amason da tiuj konfliktaj pensoj.

Realiginte la naŭan laboron, Heraklo eniris superan fazon de sia evoluo, kiel okazas al homo, kiu jam kapablas uzi la potencojn de sia menso.



*Heraklo ĉe Piro - Guido Reni (1575-1642)*

***10-a — Cerbero, la gardanto de la subtera mondo***

Heraklo devus malsupreniri al la regno de la dio Hadeso kaj de tie liberigi Prometeon kaj kapti la trikapan hundon Cerbero. Laŭ alia versio, li devus liberigi sian amikon Tezeon, enkarcerigita (?) en la infero.

Por fari tiun vojaĝon, li ricevis rektan apogon de la propra Zeŭso, kiu komisiis al la dio Hermeso kaj al la diino Atena gvidi lin en la irado al Hadeso. Krome li estis inicita en la misteroj de Eleŭziso, pri la vivo, la morto kaj la renaskiĝo.

Survoje necesis transiri la riveron Aĥerono, kie Karono, la pramisto, postulis moneron por konduki la vojaĝ-

antojn, ordinare mortintojn. Tamen, pro respekto aŭ timo, li kondukis Heraklon senpage.

En la infero, Heraklo petis permeson al Hadeso por lukti kontraŭ Cerbero. La dio jesis, sed malpermesis, ke li uzu armilojn.

Uzante nur la manojn, Heraklo superregis Cerberon, liberigis la enkarcerigiton kaj alportis la monstran hundon al Eŭristeo. Kiam Eŭristeo vidis Cerberon, li ektimis, kaj ordonis al Heraklo reporti ĝin al Hadeso.

Kiam estulo jam atingis superajn gradojn en sia evoluo, la misioj fariĝas pli malfacilaj, sed la rimedoj estas pli multnombraj. En tia stadio, eĉ al la infero estulo iras por savi amikon.

Tiu laboro simbolas ankaŭ la regon super la morto.

Fine, la timo de Eŭristeo antaŭ Cerbero montras, ke la mondumaj akiroj ne donas sufiĉan forton kaj kuraĝon. Nur tiuj, kiuj jam travivis multajn malfacilaĵojn, kiuj multe suferis kaj luktis, ne ektimas antaŭ la "cerberoj".

### *11-a — La ĉevalstaloj de Aŭgio*

La reĝo Aŭgio havis multajn ĉevalojn en enormaj staloj, neniam purigitaj. Neelportebla haladzo disvastiĝis en la tuta regno, kaŭzante malsanon kaj morton. Eŭristeo ordonis al Heraklo purigi tiujn stalojn. Tamen, pro la sinteno de Aŭgio, kontraŭa al la purigado, la heroo havus nur unu tagon por plenumi sian taskon.

La afero ŝajnis neebla. Komprenante, ke la tempo estas nesufiĉa por tia laborego, Heraklo fermis la okulojn kaj meditis. Kiam li malfermis la okulojn, li vidis, ke tie fluas du grandaj riveroj, kaj tiam li havis la ideon deturni la fluon de la riveroj, tiel ke iliaj akvoj surpasu la stalojn.

Tion li faris, kaj sukcesis en unu tago lavi la stalojn.

La animo, kiu jam atingis la finan parton de sia evoluo, amas la homaron kaj estas preta fari la bonon, sindoneme, eĉ malgraŭ la sendankeco de la helpatoj.

Kiam la problemo ŝajnas nesolvebla, la justulo koncentriĝas en sia interna lumo kaj subite trovas la solvon.

### *12-a — La brutaro de Geriono*

En fora insulo vivis Geriono, monstro kun tri korpoj kaj tri kapoj, kiu retenis kontraŭleĝe multajn bovojn. Heraklo devus porti la brutaron al la Sankta Urbo.

Li transiris la oceanon kaj komencis forkonduki la bovojn, sed Geriono atakis lin. La heroo uzis sian arkon kaj trapasigis la tri korpojn de la monstro per ununura sago.

Tamen la laboro ankoraŭ daŭris, la kondukado ne estis facila. Foje kelkaj brutoj apartiĝis kaj li devis revenigi ilin al la grego. Alifoje la brutaro distriĝis pro eksteraj cirkonstancoj kaj malfruigis la iradon.

Fine la lumoj de la Santka Urbo aperis en la horizonto, kaj la koron de Heraklo inundis verŝo de pura ĝojo. Lia rekompenco estis la konscienco serena, senmakula. Li multe luktis kaj venkis.

Geriono simbolas ĉiujn malvirtojn. La brutaro estas la tuta homaro.

*(Daŭrigota en la paĝo 26)*

# Nekrologo

Floriano Negreiro de Vasconcelos de Pessoa (1934 - 2017)

**Omaĝo fare de Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**

Kun granda bedaŭro la brazila Esperantistaro eksciis pri la forpaso de eminenta brazila samideano, je la 9-a de aŭgusto 2017. Floriano Pessoa estis vere neordinara persono. Mi ne scias, kiun spiritan trajton oni devas elekti kiel la plej altan, inter liaj multaj. Min aparte ĉiam impresis lia saĝeco: ĉar li konstante kaŝis ĝin sub dika tavolo da modesteco. Li estis inteligenta kaj klera, tio estas, li estis homo de alta kulturo. Ne nur erudicia, sed meditema pri siaj vastaj konoj.

Floriano amis muzikon, ŝakon, vinon. Li malamis vulgarecon, sed mi neniam perceptis akrajn kritikojn el lia buŝo aŭ el lia plumo. Male, li estis ekstreme tolerema kaj milda, kiam li devis esprimi ian kontraŭan opinion.

Pri lia stilo, kiel preleganto kaj verkanto, en Esperanto kaj en la portugala lingvo, oni devus fakte fari detalan studon. Dum sia tuta vivo li legadis kaj relegadis niajn klasikulojn, kaj klopodadis sekvi ilian vojon en siaj propraj verkoj. Oni certe povas diri, ke Floriano Pessoa estas nia moderna klasikulo. Tion pruvas la libro “Vintra Rikolto”, publikigita antaŭ nelonge, en Brazilo. Laŭ mia scio, ĝi estas lia sola libroforma publikaĵo. Tiu libro estas donaco, kiun la kara Floriano delikate lasis al siaj geamikoj. Oni devas legi kaj relegi ĝin, eĉ trastudi ĝin. Se iam oni konstruos superan kurson de Esperanto inter ni, tiam certe tiu libro devos stari inter la rekomendataj verkoj.

Ni funebras, ĉar ni perdis modelon de amiko, modelon de majstro, modelon de Esperantisto. Ni ne forgesos vin, kara Floriano!



---

## La mito de Heraklo *(Daŭrigo de la paĝo 25)*

Tiam Heraklo, kiel ĉiu evoluinta animo, ne plu okupiĝis pri sia propra savo, sed pri la bono de la homaro. La mito de Heraklo instruas, ke ĉiu homo povas fariĝi pli bona kaj digna. En sia vivo, Heraklo atingis multajn venkojn kaj ankaŭ suferis grandajn malvenkojn. Tamen estas imitinda lia sinteno antaŭ la malsukcesoj. Anstataŭ senkuraĝiĝi, li uzis la malvenkojn kiel levilojn por superi la sekvantajn defiojn. Tion ni devas imiti en niaj evoluaj “laboroj”.

# 11º Congresso Paulista de Esperanto

12 - 15 outubro 2017
São Paulo - SP

easp.org.br/asocio/kongreso

Realização:







1937 - 2017

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo
easp.org.br | contato@easp.org.br
(11) 3862-1183

